AE116

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **8/06/2013 Cent deksesa Eldono 8/06/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 245 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

Programlisto http://esperantaretradio.blogspot.co.at/

## Pli da vivokvalito per videotelefonio 1a junio



Ni prenu la ekzemplon de videotelefonio: La pli aĝa generacio paŝon post paŝo alproksimiĝu al la cifereca sfero. La celo estas plialtigi la vivokvaliton.

Esploristo de la teknika universitato de Vieno parolas pri "enira drogo" kiam oni diskutas pri la telefonadaj helpiloj pere de komputilo kiuj estis disvolvitaj de esplorista teamo en Vieno.

Personoj kiuj ĝis nun evitis eniri la ciferecan sferon kaj kiuj ne disponas pri scioj kaj spertoj rilate al uzo de komputiloj, tiuj nun per kombinaĵo el portebla komputilo kaj telefono povos komuniki pli facile. Sed finfine per la uzo de la testataj aparatoj la paŝo al la aplikado de pli kompleksaj teknikoj - ni menciu la dommastrumadon helpe de komputilo - estu preparata.

La uzo de larĝbendaj interret-aliroj ĉe personoj ekde 70-jaraĝaj rapide malkreskas. Tial necesas atingi tiujn personojn ankoraŭ antaŭ la forglito en izolitecon kaj tio plej bone fareblas per komunikado. La viena esploristo proponas manipulajn elementojn per kiuj la koncernaj personoj perdu la hezitemon pri la komputila mondo, sed ankaŭ la timon damaĝi la sistemon per nepripensitaj manipulaj paŝoj. (Malgranda eltiro el la

bona reta programo)

# SYDNEY LANGUAGE FESTIVAL

LINGVA FESTIVALO – BONEGA MODELO POR AŬSTRALIO
Malgraŭ la aĉega vetero, mi estas tre kontenta ke mi decidis fari la vojaĝon al Sidnejo kaj partopreni la lingvan festivalon lastan sabaton. 1/6/13



Mi speciale ĝuis:

- La variecon de diversaj lingvoj
- La bonan lokon ĉe Macquarie Universitato
- La muzikan programon

Mi admiris

- la laboron de Roger kiu celkonscie disdonis multajn "Ŝlosilojn" libretojn
- la prezentadon de Jonathan pri artefaritaj lingvoj (mi esperas, ke aliaj esperantistoj povas sperti ĝin dum nia kongreso en januaro 2014)
- la enkondukan paroladon de Richard….
- La du prelegojn de Trevor en Esperanto Domo, speciale liaj komentoj pri Esperanto literaturo
- La fakton, ke Esperanto estis kvazaŭ egalrajta partnero de la universitato
- La ĝentilan manieron reklami pri Esperanto

Mi tre esperas, ke tiu lingva festivalo refoje okazos en 2014, eble dum la tuta tago kaj eble kun 10 minutoj da paŭzo inter la prezentadoj.

Ankaü estas bonega modelo por aliaj urboj en Aŭstralio…. Eble ni povas helpi starigi similajn eventojn en Melburno, Adelajdo, Brisbano kaj Hobarto (Aŭklando?)

Finfine, mi devas gratuli Dmitry pri la originala ideo antaŭ du jaroj kaj lia diligenta, funda preparado.
Sandor



Dmitry Sandor Trevor Jennifer Alan en Sidnejo por la SLF



## Sidneja Lingva Festivalo

Jen la ĉeestantoj de la Esperanto-leciono

(Ŝi legas la KEY)



Jen la teksto de la prelego de Trevor Steele, en la angla, pri romanoj en Esperanto. Ĝi okazis la 2an de junio en Sidnejo.

http://www.ipernity.com/blog/158659/496445 Sendis Nicole

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.
Se vi ne ŝatas la kapfoton de vi kiun mi havas, sendi alian al mi

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

Kara Roger !



## La tro multa mankanta mono !!!

Jes, ankaŭ mi eĉ tre ŝatus scii, kio en la mondo okazis al tiu grandega monsumo $ 241,600 aŭ eble eĉ multe pli, kiu mistike malaperis el la kaso de AEA inter 2005 kaj 2012.

Ĉu tiuj, kiuj respondecas pri la malapero de la mono, ne kuraĝas paroli, aŭ ĉu ili, same kiel tiuj, kiuj hodiaŭ neas, ke la holokaŭsto iam okazis, naive kredas, aŭ esperas, ke ni forgesos.

Mi vivis dum la homoj sen konscienco torturis kaj mortigis judojn, rusojn ktp. Mi bone scias, ke tio okazis. Kaj mi vivis ankaŭ inter 2005 kaj 2012, fakte mi ankoraŭ vivas, kaj mi vivas eĉ bonege, same espereble ankaŭ vi, kara Roger.

Plej amike,
Bob Felby

..........................................................................................................................................



Mi kredas ke ne eblas rehavi la monon. Mi estus iom kontenta se la pasintaj kontistoj de AEA povus informi detale kie kaj kiel la mono estis uzita. Ĉu saĝe aŭ ne, ne gravas. Bonaj kontoj estas gravaj. Ĉu ne estas respondeco kiam oni kontrolas la monon de aliaj? Roger Springer

## Kalle Kniivilä: Kial ĵurnalistoj interesiĝu pri Esperanto?

http://vimeo.com/67428233 Prelego en la 38-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, 27 aprilo 2013. (48 minuta prelego) Teksto de la prelego: liberafolio.org/2013/kial-esperanto-interesu-jurnalistojn trovis Nicole

Saluton,
en la plej nova eldono de la bulteno vi mencias la naskiĝon de Key kaj Handy Card.
Okaze de tio mi permesas al mi atentigi, ke mia malgranda Esperanto-gramatiko nun estas havebla ankaŭ en anglalingva eldono. Vidu http://esperantocxemizo.saluton.dk/esperanto-

gramatiko/Esperanto-gramatiko%20informoj kaj http://edukado.net/biblioteko/libroj?iid=23452 .
Reago el Irlando diris: Saluton. Hodiaŭ mi ricevis le libron kiun vi sendis. Mi opinias, ke ĝi estas la plej bona klarigo de Esperanto-gramatiko kiun mi legis. Mi certe reklamos ĝin en nia bulteno.

Amike, xxxxx...

Amike,
Peter Weide

## Virino el Ĉeĥa Respubliko serĉas plumamikon, viron aŭ virinon.

Ŝi loĝas en Moravia kun edzo; la filino loĝas en Irlando.
Ŝia aĝo estas 60 jaroj. Ŝajnas ke ŝi ne havas interreton, sed uzas SKYPE por korespondi kun amikoj en Europo
La adreso estas: .TLACHOVA HELENA, 687 31 Šumice 145 okr.Uj. Hradiště, Czech Republic

# Kastelo Greziljono

La Esperanto-Kulturdomo en kastelo Greziljono proponas ĉi-somere Teatran Semajnon, de la 10a ĝis 17a de aŭgusto 2013, kun teatro-kurso en Esperanto, Esperanto-kurso pri teatro kaj konversacia kurso, kun dancoj kaj kantoj kaj kun individuaj sesioj pri parfum-elekto, kun 3 vesperaj spektakloj: Farso pri UKoj, teatraĵo pri Galileo, Kanzonoj en Esperanto.

Se tiu staĝo aŭ ĝiaj datoj ne taŭgas, elektu inter 4 aliaj semajnoj en gresillon.org/somero Vidu http://gresillon.org/s5




## La "KEY" kaj la "Handy Card"

El 1000 kopioj 300 restas.
Estas senpaga propagandilo
Lasu/donu kopiojn ĉe atendejoj de kuracistoj, dentistoj, ktp, ĉe bibliotekoj publikaj, lernejaj, universataj kaj aliaj kluboj




## Ili ne valoras se ili restas sur bretoj.

La „Handy" Karto estas por la monujo. La ŝlosilo estas por la poŝo. Ambaŭ propagandas Esperanton. Disdonu ilin. Ĉiuj Esperanto-kluboj devus havi kelkcentojn por doni al anoj. Skribu al AE kaj AE aranĝos kopiojn.

Saluton



Iu sendis la suban ŝercon al mi kaj mi tradukis ĝin por eble amuzi Esperantistojn... "Edziĝita paro sidas en restoracio, la edzino rigardas tre ebrian viron ĉe alia tablo. La edzo demandas: "Vi estas rigardanta tiun viron dum multe da tempo, ĉu vi konas lin?" Ŝi respondas: "Jes, li estas mia eks-edzo kaj li tiom drinkis ekde kiam mi forlasis lin antaŭ sep jaroj. "Mirinde!" diras la edzo, "mi ne kredus ke iu povas festi tiom longe."

Huigh Malcolm

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

**2012-06-06 - AEA raportas:**

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nian lastan Skype estrarkunvenon (06/06/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee kaj Sandor. (Bedaŭrinde la komputilaj problemoj de Margaret daŭras)

Jen la ĉefaj rezultoj:

***Sidneja Lingva Festivalo**

Sandor raportis pri la sukcesa evento. Li instigis la aliajn legi la raportojn en AE kaj forte proponis konsideri similajn eventojn en Adelajdo, Melburno, Brisbano,….

**La ĉefa tagordpunkto refoje estis**

***Venonta Kongreso – januaro 2014 en Kanbero**

Nia venonta kongreso/somerkursaro okazos inter la 3 – 12 de januaro en Kanbero.
Sandor kaj Huigh mendis la kongresejon: **Ursula Hall** en Kanbero. (http://ursula.anu.edu.au).
Kune kun Chris (la NZ prezidanto) ni skajpis kun Bharat. Li komencis la viz-procedurojn kaj ni esploris kion li povis oferti dum la Kanbera kaj Aŭklanda Kongreso.
Ni nun kunmetas nian flugfolion, espereble ankaŭ komunan kun NZ, kiu samtempe reklamas pri nia kaj ilia kongreso en januaro.
Kiel menciite antaŭe, ni tre ŝatus allogi junulojn,…. Do, tial Crystal Hill el Brisbano estos unu de la instruistoj. Ŝi instruos la komencantojn kaj espereble helpos allogi aliajn junulojn.
Se vi ŝatus helpi kun la organizado de la kongreso, kontaktu nin.

*** Nia nova retejo**

Ni komencis "provlegi" la novan retejon kaj ni tre esperas ke post unu monato ni povos lanĉi ĝin.
Refoje, ni devas dankeeeeeegi Jim Radford por lia nekredebla bonega laboro.

*** Talking to the Whole Wide World**

La 200 ekzempleroj de "Talking to the Whole Wide World", la libro de Penny estas nun ĉe Heather.
Se vi ŝatus ekzempleron (kontraŭ donaco) por uzi ĝin en via instruado, bv kontakti nin.

Heather, Indrani, Kam Lee, Sandor